INTERNACIA

JARO V. SOFIA — BULGARIO
SEPTEMBRO - OKTOBRO 1961, № 5



ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## *MAŜINO LEGANTA KAJ TRADUKANTA*

*Ekde la invento de la presarto estas eldonitaj pli ol 50 milionoj da libroj. Ĉiujare aperas pli ol 320 miloj da libroj, sennombraj artikoloj en 70 miloj da gazetoj kaj 33 miloj da ĵurnaloj.*

*Nature, la serĉado de scienca informaĵo iĝas de jaro al jaro pli malfacila. Ekzemple la sciencistoj-kemiistoj asertas, ke pli facile estas krei novan kemian substancon, ol ekscii, ĉu ĝi ie iam ne estas jam kreita.*

*Ĉu estas eble inventi maŝinon, kiu povus enlokigi en sian „memoron" la necesan kvanton da sciencaj informaĵoj, aŭ sukcese plenumi la servon de bibliografisto, aŭ traduki tekston el unu lingvo en alian? Evidentiĝis, ke tio eblas. Nun multaj sciencistoj laboras por inventi informantan maŝinon.*

*Antaŭnelonge en Moskvo okazis scienca konferenco, dediĉita al la problemo pri maŝina preparo de sciencaj informaĵoj, traduko per maŝino kaj aŭtomata legado. En la konferenco oni aŭdigis pli ol 100 sciencajn raportojn kaj informojn. Ĉi tie ni rakontos nur pri kelkaj gravaj ideoj, priparolitaj dum la diskutoj.*

*A. M. Vasilev, unu el la raportintoj, asertas, ke la principo de la informanta elektrona maŝino sin bazas sur la uzadmaniero de la nuntempa kalkulmaŝino. Ĝia servo estos „enmemorigi" dokumentojn, klasifiki ilin aŭtomate, trovi rapide la bezonatan dokumenton el amaso de aliaj dokumentoj, kopii dokumentojn. En baldaŭa tempo simila maŝino povos traduki aŭtomate de unu lingvo en alian.*

*La konstruo de tia maŝino postulas principe novajn manierojn por enskribo kaj elmontro de la informaĵoj. La rapideco de la movoj de magnitofona aŭ kinosonbendo jam ne kontentigas. Krom tio, apenaŭ taŭgos la enskribo, dependanta de mekanika movo. La sovetaj sciencistoj celas konstrui tian strukturon, kiu permesus en la apartaj ĉeloj de la „memoro" enskribadi multajn miliardojn da vortoj, komplikajn kemiajn formulojn kaj eĉ tutajn frazojn. Por ke oni enigu en la maŝinan „memoron" pli grandkvante informaĵojn el libroj, gazetoj aŭ arkivoj, necese estos, ke la tuta materialo estu tradukita en kovencia maŝina lingvo. Sed tio postulos la kolosa laboro de dekoj da altkvalitaj specialistoj.*

*La problemo de la reenskribado kaj transformiĝo de la skriba inforformaĵo pere de maŝina „memoro" estas nur parto de la ĝenerala problemo de la legado de desegnoj (literoj, ciferoj, signoj, hieroglifoj, desegnoj). Kiam oni sukcesos solvi tiun problemon, tio alkondukos al mirinda progreso en multaj branĉoj de la scienco kaj la tekniko. Oni konstruos legantajn maŝinojn por blinduloj, aŭtomatika sortmentigo de leteroj (iagrade tio jam estas atingita en la poŝtejo en Mosvo). Oni konstruos maŝinojn por prilaboro de bankaj dokumentoj, por bibliografiaj aranĝoj ktp.*

*Kiajn ecojn devas posedi la leganta maŝino? Pri tio unu el la prelegantoj en la konferenco, la sciencisto M. L. Avruh, opinias, ke simila maŝino devas legi tekstajoin kiel la homo, t. e. havi la kapablon percepti la signojn de la desegnaĵoj kaj klasifiki ilin laŭ destinita sistemo. Oni*

supozas, ke la maŝino efektivigos la legadon pli ĝuste la rekonon de la tekstoj pere de du fundamentaj manieroj. La unua-optika legado—per la helpo de lumfontoj kaj per fotoelementoj, aliformiganta la lumsignalojn en elektrajn signalojn. La dua — legado de simbolaj desegnajoj. Tiuj signaloj estos enskribitaj per magnitaj inkoj aŭ per kurentkondukaj farboj.

Per la unua maniero la maŝino devas rekoni tre malsimplajn desegnojn kun miniaturaj detalajoj. Per la dua maniero oni malmultigos la nombron de la simboloj, destinitaj por maŝina legado. Simpligita estas ankaŭ la strukturo de la leganta maŝino. Multnombraj estas la pruvoj por konstruo de legantaj maŝinoj.

En la sfero de la aŭtomata legado de teksto laboras multaj sovetaj kaj fremdlandaj sciencistoj kaj sciencesploraj institutoj. En Anglio kaj Usono jam estas ellaboritaj kelkaj legantpovaj maŝinoj celantaj antaŭ ĉio prilabori bankajn dokumentojn. Ilia agadsfero estas limigita kaj konsistas el dekoj da ciferoj kaj kelkaj specialaj insignoj. La ceteraj projektoj troviĝas ankoraŭ en stadio de teoriaj aŭ eksperimentaj esploroj.

La sciencisto B. G. Komandrovskij esprimas la opinion, ke la problemo de la maŝina legado el la teksto mem estas ebla pere de sistemo, konsistanta el televiziaj iloj kaj kalkulantaj maŝinoj. Tia maŝino permesos ampleksi pli grandan spacon el la teksto, pli rapide kaj pli facile rekoni la signalojn. Eventuala pli posta pliperfektigo de tiu maŝino permesus legadon ankaŭ de manuskriptoj.

Kaj kiamaniere oni povus devigi la kalkulantajn-logikajn maŝinojn plenumi la taskon de bibliografo? Laŭ la opinio de R. S. Giljarovskij antaŭ ĉio estas necesaj spertaj altkvalifikitaj bibliografoj kaj bibliotekistoj. Ili povus bone kaj ĝenerare prepari bibliotekajn katalogojn kaj bibliografiajn indeksojn por ke oni senpere enkonduku ilin en la maŝinan „memoron".

Grandan atenton la konferenco montris al la proponoj por uzado de la kalkulantaj-analitikaj maŝinoj por kompilado de jaraj indeksoj al la referencaj ĵurnaloj. Pri tio problemo esprimis sugestojn la sciencistoj H. M. Kogan, A. I. Rozanov kaj A. F. Smirnov. Simila projekto jam ekzistas aldone al la sistema indekso al la referenca ĵurnalo „Matematiko".

Do, evidentiĝas, ke la novaj formoj por enskribado de informajoj por maŝina legado prezentos novan specon de skribmaniero „maŝinan skribmanieron". Eble, estonte ĉiujn verkojn oni preparos samtempe por ordinara presado kaj por maŝina legado. Tio tre faciligos, revoluciigos la intelektan laboron de la homoj.

La informantajn maŝinojn oni konstruos en la fino de la kuranta jaro kaj en la komenco de la nova 1962. En perspektivo ili atingos tian perfektecon, ke ili povos enlokigi en sian „memoron" tutajn sciencajn bibliotekojn kun milionoj da volumoj.

N. Posisaev

## NIA REDAKTORO DEKORITA PER ORDENO

Okaze de la 50-jara jubileo de la redaktoro de nia organo „Internacia Ĵurnalisto" kaj estrarano de TEĴA — Ivan Keremidĉiev-Esperov — li estis distingita de la Parlamenta Prezidantaro de Popola Respubliko Bulgario per la ordeno „Naŭa de Septembro 1944" — III-a grado—por lia aktiva kaj longjara socipolitika kaj ĵurnalista agado. Per la sama ordeno nia redaktoro estis dekorita aukaŭ pasintjare, okaze de la 15-jara datreveno de la nacia festo-tago de Bulgario (9 de septembro 1944).

Por la kvara fojo la Parlamenta Prezidantaro distingas perordene nian regaktoron.

S-ano Esperov estas redaktoro, vicgvidanto de fako, en la plej elstara bulgara gazeto „Rabotniĉesko delo" („Laborista Afero"). En la landa Esperanto-movado li okupas gvidantan postenon: membro de la Estraro de la Centra Komitato de Bulgara Esperantista Asocio—respondanta pri la ĵurnalista sekcio de BEA.

Ĉi jare nia redaktoro jubileis ankaŭ 35 jarojn de sia esperantistiĝo. Kiel lernanto li ellernis Esperanton en 1926.

NIA SPERTO

## UTILA ĴURNALISTA AGADO

En Bulgario jam kvin jarojn sinsekve aperas la Esperanto-gazeto „Nuntempa Bulgario". Ĝia ĉefa tasko estas diskonigi la nunan vivon de la bulgara popolo, la disvolviĝon de niaj ekonomio, arto, literaturo, la sukcesojn en la konstruado de socialismo en nia lando.

Tiun ĉi taskon la gazeto sukcese plenumas, publikigante materialojn pri ĉiuj sferoj de agado, komencante per la konstruado de la industrio en nia, iam malprogresinta agrara lando, kaj finante per la sukcesoj de la sporto. Fakte, la materialoj de la gazeto estas tiel variaj, tiel enciklopediaj, ke ĝi kontentigas la interesojn kaj la gustojn de ĉiuj: ekonomiistoj, filmamatoroj, medicinistoj, ŝakistoj... Pro tio „Nuntempa Bulgario" estas legata ne nur de unuopuloj, sed ankaŭ de kolektivoj: grupoj, studrondoj, societoj.

Unu el la efikaj formoj de diskonigo de la nuntempa bulgara vivo pere de „Nuntempa Bulgario" estas tradukado kaj presigo de materialoj publikigataj en ĝi. Iniciatemaj esperantistoj tradukas nacilingven kaj publikigas en lokaj kaj centraj gazetoj de sia urbo aŭ lando artikolojn, raportaĵojn, rakontojn, eĉ versaĵojn aperantajn sur la paĝoj de „Nuntempa Bulgario". Pluraj bildoj kaj karikaturoj ankaŭ aperis alilande. Per tio la vero pri Bulgario fariĝas konata ne nur de la 13 000 legantoj de nia gazeto, sed ankaŭ de pluraj miloj da legantoj de diversaj gazetoj: politikaj, kulturaj, sindikataj k. a. en la tuta mondo. Mi citos nur kelkajn nomojn de fidelaj amikoj kontribuantaj per tradukado kaj tiamaniere helpantaj por la ekkono de la vivo de nia popolo alilanden: V. Sokolov el urbo Gorkij, en rusa lingvo; A. Penĉalov el urbo Rodniki, en rusa lingvo; Uhljar Albert el urbo Zvolen, en slovaka lingvo; Giuseppe Ventura, en itala lingvo k. a. Oni tradukis kaj publikigis materialojn ĉerpitajn el „Nuntempa Bulgario" ankaŭ en ĉeĥa, ĉina, serbokroata, portugala (Brazilo), pola, korea, finna, estona k. a. lingvoj.

La rezultato de tiu ĉi agado estas granda. Bulgario fariĝas ĉiam pli kaj pli konata en la tuta mondo kiel lando progresema kaj pacama, lando absorbita ne per planoj pri milito, sed pri paca konstruado de la socialismo, de la feliĉa vivo. Tia agado estas pozitiva, ĝi kontribuas la fortigon de la paco.

La aperigo de materialoj en „Nuntempa Bulgario" stabiligas la poziciojn de nia esperanta eldono. Kiel konate, „Nuntempa Bulgario" aperas, iom alimaniere redaktate, ankaŭ en la lingvoj franca, angla, germana kaj hispana). La agado de la ĵurnalistoj— esperantistoj ne povas ne esti taksata kiel serioza, pozitiva kaj utila. Kaj la Eldonejo de la gazeto ĝuste tiel taksas nian agadon en la kampo de tradukado kaj publikigo de materialoj ĉerpitaj el „Nuntempa Bulgario" en nacilingvaj gazetoj.

Tiu ĉi agado devas esti akcelata kaj disvolvata. Tradukado de materialoj el Esperanto estas dezirinda ankaŭ el propaganda vidpunkto, kvankam ne tio estas la plej grava afero. Ni tute ne tenas pri tio, ke en la tradukoj oni nepre indiku la fonton de la materialo, ke la nomo de „Nuntempa Bulgario" aŭ la vorto Esperanto nepre staru sub la tradukaĵo. Tia postulo estus formala. Grava estas la fakto mem, ke aperas materialoj dank'al Esperanto, kaj tiun ĉi fakton la redakcioj de la gazetoj nacilingvaj tre bone scias.

Estas superflue skribi, ke le redakcio de „Nuntempa Bulgario" ne nur volonte permesas tradukadon de materialoj, sed eĉ pli — ĝi premias per esperantaj libroj („Bofilino", „Bulgario", „Bulgara Prozo". „Elektitaj Versaĵoj" k. a.) la tradukintojn, tiamaniere esprimante al ili sian dankon kaj rekonon.

Ni ne dubas, ke multaj ĵurnalistoj kaj ordinaraj tradukemaj samideanoj aliĝos al tiu ĉi utila laboro kaj komencos publikigi en ĝeneralaj kaj fakaj gazetoj kaj ĵurnaloj en sia nacia lingvo materialojn aŭ fragmentojn aperantajn sur la paĝoj de „Nuntempa Bulgario". Tio estas despli ebla kaj dezirinda, ĉar la materialoj de „Nuntempa Bulgarario" havas kulturan karakteron, ili havas daŭ-

# LA MONDKRIZO KAJ LA DEVO DE LA GAZETARO

Malfido kaj miskompreno inter la popoloj hodiaŭ ĉie estas banalaĵo en tiu ĉi tempo de malvarma milito. La plej granda problemo hodiaŭ estas per ĉiuj fortoj kaj rimedoj malebligi eksplodon de la ruiniga varma milito. Tio estas la respondeca devo ankaŭ de la monda gazetaro.

Homoj de multaj nacioj renkontiĝas, sidas ĉe pactabloj kaj pritraktas la gravegajn problemojn de la paco. Sed ofte iuj el tiuj homoj estas profunde kaptitaj per superstiĉoj kaj suspektoj, inter ili regas miskompreno. La gazetaro estas grandega potenco kiel provizisto de informoj. Ĝi havas la eblecon helpi al forigo de eraraj impresoj kaj opinioj, kontribui por la forigo de la internacia streĉeco. Ĝi povas tamen ankaŭ krei timojn, senbezone semi maltrankvilon kaj miskompreno inter la popoloj, povas ilin luli en danĝera dormo. Tio dependas de la ago de la ĵurnalistoj, de ilia konscio pri ilia devo labori libere kaj informi la popolojn pri la vera stato de la publika opinio en ĉiu lando, pri la deziro de la homoj vivi en paco kaj kunlaborado. La libera opinio estas bezonata kaj per libere fluanta provizo de novaĵoj, de interpretado la gazetaro devas kontraŭstari la miskomprenajn agojn kaj intencojn de iuj registaroj, politikistoj kaj grupoj, agantaj por streĉigi la interpopolajn rilatojn. La gazetaro povas kaj devas multe kontribui kaj labori por la plibonigo de la rilatoj, por la neniigo de la planoj de la militsataj gvidantoj ka jregantoj. Tiuj regantoj ofte malhelpas la gazetaron plenumi sian noblan devon.

Multaj kritikistoj diras, ke la gazetaro efektive malhelpas la interpopolan kompreniĝon, ke ĝi semas inter la nacioj malamikecon, malbonigas la internacian krizon. Vere, estas tia fuŝa gazetaro, kiu kontraŭstarigas nacion kontraŭ nacio, rason kontraŭ raso, religion kontraŭ religio. Ni devas kontraŭbatali tiun ĉi malnoblan gazetaron, servanta al specialaj grupoj kaj militincitantoj.

Kiel ajn malluma estas la bildo hodiaŭ, ni ne devas senesperiĝi. La homoj jam konsciiĝas kaj komprenas kio estas vera kaj justa, kio estas malvera kaj kaj maljusta. Sed devo de la ĵurnalistoj, inkluzive de la ĵurnalistoj-esperantistoj estas ĉiam labori libere kaj konscie por la bona interkompreniĝo de la nacioj, por la forigo de la internacia streĉeco, por la triumfo de la tutmonda paco.

D-ro A. Mildwurf,
London

POEZIO ANGULO

## KOSMA HEROLDO

Antaŭen la astroj
Tra spaco senlima,
En sin' galakcia
Laŭ voj' malproksima
Simila al fulmo
Avias impete —
Kun stelo kvinpinta
La kosmoraketo.
En vastoj ĉielaj
Ekflamis aŭroro,

Por hela tagiĝo
Jam venis la horo.
La glora epoko
Ekfloras sur Tero
Kun nobla devizo:
— La Paco! Libero!

En fortoj potencaj
Naskiĝas mateno,
Bruante rompiĝas
Miljaraj katenoj.
La mond' sklavigita
Plenkreske ekstaras,
La rajton por trovi
Triumfe deklaras.

Avias raketo
En spac' galakcia,
Sur brusto radias
Blazon' Sovetia.
Ĉi flugas antaŭen
Obstine, senlace,
Heroldo de l'justaj
Libero kaj Paco.

F. Ĝumilevski
Jalta, USSR

ran valoron kaj estas uzeblaj dum longa periodo. La tradukado, kiu devas esti altkvalita, alportos al la esperantistoj, kiuj okupiĝos pri ĝi, personan kontentigon, ĉar oni ne povas ne esti kontenta pri la rezultoj de laboro tiel utila por la reciproka interkonado de la popoloj, por la tutmonda paco.

Asen Grigorov,
esperanta redaktoro de
„Nuntempa Bulgario"

# TRA LA GAZETARO

## KIEL VIDIS LA KONGRESON LA ĴURNALOJ*

Antaŭ mi kuŝas monteto el 180 elĉerpaĵoj. Eliminte duoblaĵojn kaj tiujn, kiuj ne rilatas la Kongreson, mi devas ankoraŭ elkaosigi 90. Nu, kuraĝon; povas esti, ke la analizo liveros ion interesan, kaj eĉ indikilon utilan por la gvido de nia informado. Jen do la statistiko:

Ĵurnaloj 51, el kiuj la lokaj kaj regionaj havas kompreneble la unuan lokon laŭ nombro: *Yorkshire Evening Post*, 8; *Yorkshire Post*, 6; *Yorkshire Evening News*, 6; *Harrogate Advertiser*, 4. Aliaj lokaj ĵurnaloj ofte ligas la Kongreson kun la nomoj de kongresanoj loĝantaj en la koncerna urbo, aŭ substrekas ion eksterordinaran, kiel la *Dover Express*, kiu mencias la gviditan trairon de 179 alilandanoj survoje al Harrogate. Sed la grandaj tutbritaj ĵurnaloj ankaŭ montras notindan interesiĝon: *Guardian*, 4; *Observer*, 3; *Times*, 2; *Sunday Times*, 2; *Times Educational Supplement*, 2; *Daily Herald*, 2; *Daily Telegraph*, *Sunday Telegraph*, *Reynolds News*, po 1.

Kio do en nia tiel multflanka manifestacio frapas ĉi tiujn ĵurnalojn? Longe unuaj en la listo de preferitaj temoj estas la Infan-kongreso kaj la Denaskaj Esperantistetoj kun po 11 mencioj. La ordo por ĉi lastaj estas: 6-jara Frances Sly kaj $2^1/_2$-jara Lise Helmuth po 5; 14-jara Heather kaj 11-jara Ian Revill 2; $5^1/_2$-jara Sue Challenger 1; de Lise kaj la Revill'oj ne mankas fotoj. Nur 7 el ĉi tiuj mencioj troviĝas en la tutbritaj ĵurnaloj. Kontraŭe, la demando pri la disvastiĝo de Esperanto en Afriko, ligita kun la nomo de T. Sekelj, trovis substrekon en tri el tiuj ĵurnaloj (*Times, Guardian, Herald*), kaj en nur unu loka (*Evening Post*).

Sekvas temoj kun po 3 mencioj: la vizito al Keighley (kun foto de Prof. Yagi kaj la Urbestro); la esperantisteco de la patro de la sovjeta kosmonaŭto Titov; la premio de V. Sadler (dufoje kune kun tiuj de M. Boulton kaj Francis); la dramo de Sartre (kontraŭ 2 por Ĉeĥov); la beleco de la Danino Birthe Zacho (kun fotoj); la miraklo de intergenta konversacio per Esperanto (kun fotoj) — la sola el ĉi tiuj temoj aludita en ne-loka ĵurnalo (*Sunday Times*).

Po du mencioj gajnis: la deĵoro de S-ro Curran kaj F-ino Beryl Talbot en la Poŝtoficejo (nur loke); la ne-ĉeesto de interpretistoj (*Sunday Times* kaj *Manchester Evening News*); la frazo, ke la Urbestro „estis fremdulo en propra lando" (*Sunday Times* kaj *Yorkshire Post*); kaj „la alvoko de nepo de raĵao por Paca Brigado" (*Guardian* kaj *Harrogate Advertiser*). Al la fakaj kunvenoj aludis nur *Daily Telegraph*; al Sekelj kaj Bhave nur *Reynolds News*. Esperantlingvajn titolojn havis tri ĵurnaloj, el kiuj unu (*Observer*) reproduktis ankaŭ plurajn paragrafojn el artikolo de I. Lapenna en nia Revuo *Esperanto*.

La raportoj varias laŭ longeco, sed ofte konsistigas longajn kolumnojn, en kiuj pluraj aspektoj de la Kongreso estas samtempe priskribitaj.

Kion ajn do oni rajtas dedukti el ĉio ĉi (kaj la listo verŝajne ne estas kompleta), unu afero estas certa: la brita ĵurnalaro, lojale kunlaborante, portis Esperanton antaŭ la atenton de milionoj da legantoj.

*Red.*

---

* El „The British Esperantist", n-ro 671, 1961.

## DEKJARA NOBLA AGADO ĴURNALISTA

En „Germana Esperanto-Revuo", n-ro 10, ni legas la interesan informon pri la nobla ĵurnalista agado de nia kolego D-ro Tadros Megalli, egipta ĵurnalisto, en Germana Federala Respubliko.

En 1949 s-ano Megalli komencis sian prelegvojaĝon en Europo kaj prelegis en Skandinavio, Nederlando, Svislando kaj aliaj landoj. En 1951 li iris al GFR, kie restis ĝis nun, festante dekjaran jubileon tiuokaze. Ĝis nun la egipta ĵurnalisto faris pli ol 2500 prelegojn, el kiuj pli ol la duono en Germanio. Antaŭ kelkaj monatoj li edziĝis al germanino. Post sesmonata restado en Egiptio lastjare, li revenis al GFR kun nova materialo kaj pli ol 600 novaj kolorfilmoj, per kiuj li montros al la publiko la antikvan kaj la modernan vivon de sia patrolando.

En multaj germanaj urboj oni ofte ripetas liajn prelegojn. Ekzemple en München kaj Erlangen li prelegis por la tria fojo. Li prelegas antaŭ lernantoj, civitanoj kaj esperantistoj. Samtempe s-ano Megalli sendas artikolojn kaj informojn al la ilustrita semajna gazeto „Watani" en Kairo.

Per sia ĵurnalista kaj peresperanta laboro Tadros Medalli kontribuas al la kampanjo de UNESKO „Oriento-Okcidento" kaj propagandas efike la Internacian Lingvon.

La nuna adreso de nia egipta kolego estas: D-ro Tadros Megalli, Münsing am Starnberger See, Am Labbach 4, GFR.




Polaj kaj bulgaroj geesperantistoj dum ekskurso vizitas la bulgaran espnrantistan someran tendaron en vilaĝo Druĵevo.

# TRA LA TUTA MONDO

### La gazetimperio de Roj Tomson

Laŭ informoj de la londona gazeto „Times", la kanada gazetposedanto Roj Tomson, antaŭ nelonge aĉetinta tri gazetojn en insulo Trinidad, disvastigis sian „gazetimperion" kaj nun posedas 91 tagajn, semajnajn kaj aliajn gazetojn. Krom tio li posedas tri televidstaciojn en Kanado kaj sep presejojn en Anglio, Usono, Kanado kaj Afriko. Roj Tomson posedas en Kanado 29 ĉiutagajn gazetojn, en Usono — 8, en Anglio — 22 ĉiutagajn kaj dimanĉajn gazetojn, en Skotlando — 12 diversajn gazetojn, en Norda Irlando — 3 semajnajn, en Nigerio — 1 ĉiutagan kaj 1 semajnan kaj en Trinidad — 2 ĉiutagajn kaj unu semajnan gazetojn.

Interese estas kies opinion kaj politikan linion esprimas ĉiuj ĉi 91 gazetoj ? !.

### Du televidstacioj en Kubo

En Kubo nun estas du televidposedantaj kompanioj—la unua estas CMBF (ŝtatrevolucia) kaj la dua „Cirkito CMG". CMBF elsendas ĉiutage programon po 12 horoj. CMG elssendas — 8,5 horan programon kaj subtenas sin finance per reklamoj.

### La disvolviĝo de la gazetaro en Pollando

En Pollando estas eldonataj 721 gazetojn kaj ĵurnaloj sume en pli ol 21,5 milionoj da ekzempleroj. El tiuj gazetoj 50 estas ĉiutagaj aŭ dufoje monate.

### La reto de televidstacioj en USSR plivastiĝas

En Sovet-Unio dum 1960 ekfunkciis 18 novaj televidcentroj. Entute en la lando funkcias nun pli ol 100 televidaj centroj kaj 200 transperantaj stacioj. La televidcentroj estas kunligitaj kun la stacioj de aliaj landoj.

### Retrovitaj libroj

Ĉirkaŭ 2 000 Esperanto-libroj de la antaŭa, famekonata Germana Esperanto-Instituto en Leipzig konfiskitaj dum la Hitler-periodo, estas retrovitaj kaj nun troviĝas en la Germana Ŝtata Biblioteko en Berlin, GDR, Unter den Linden 8.

Por la festo de la 300-jara datreveno de la fondiĝo de la Ŝtata Biblioteko la libroj estos arangitaj en nove pretigita librotenejo, kaj ili estos denove alireblaj al la esperantista publiko, dum samtempe la kolektado de Esperantolibroj estas daŭrigata.

Pro la graveco de la afero por la tuta Esperanto-movado sendu leterojn, poŝtkartojn al la Ŝtata Biblioteko. Ĝi meritas la dankon de ĉiu esperantisto.

**Karl Maier,**
Berlin

### Seslingva informilo universitata

La informfolio, verkita speciale por universitataj medioj, surhavas tekstojn anglan, francan, hispanan, rusan kaj japanan, kaj subskribojn de 50 profesoroj en 20 landoj. Ĝi kostas po 0,25 stelojn ($1^1/_2$ anglajn pencojn aŭ 0,06 ned. guldenojn) por ĉiu ekzemplero, p l u s afranko 10%. Mendu ĝin ĝ i s m a r t o 1962 ĉe: S-ro V. Sadler, 1 Poet's Road, Highbury, L o n d o n N. 5, Britujo, aŭ konstante ĉe: U. E. A., Eendrachtsweg 7, R o t t e r d a m, N e d e r l a n d o.

### *La patro de la kosmonaŭto G. S. Titov—esperantisto*

*En la granda soveta gazeto „Izvestija“ (Informoj) aperis sub titolo „Patra hejmo“ dokumenta novelo de la korespondantoj de la gazeto A. Volkov kaj N. Ŝtanko. En la novelo la aŭtoroj priskribas la patran domon kaj la familion de la glora heroo kaj dua kosmonaŭto de Sovet-Unio majoro German S. Titov.*

*En la dua ĉapitro de la novelo la aŭtoroj skribas pri la patro de la kosmonaŭto—Stepan Pavloviĉ Titov. Responde al la korespondantoj la patro diris:*

*— „Mi de tempo al tempo verkas versojn. . . Siatempe mi verkis multajn versojn en Esperanto. . .“*

*„Ankoraŭ unu invento — skribas la aŭtoroj. — Evidentiĝas, ke dum sia junaĝo Stepan Pavloviĉ pasie enlogiĝis en Esperanto, ellernis tiun ĉi lingvon, en la esperantaj gazetoj aperigis versojn (kompreneble glorantajn la naskregionon Altaj) kaj havis vastan korespondadon presaŭ kun ĉiuj kontinentoj. Precipe interesajn leterojn sendis al li kudristino el Germanio, kamparano el Japanio kaj instruisto el Aŭstralio.“*

*„Ni aŭskultis Stepan Pavloviĉ—daŭrigas la aŭtoroj—kaj tre ege admiris lin: kiom senlima estas la sfero de la interesoj de tiu ĉi homo! Kiom riĉa kaj admirinda estas la spirita mondkoncepto de tiu ĉi inda reprezentanto de nia kamparana inteligentularo!“*

*Do, la patro de German Titov estas ne nur esperantisto, sed ankaŭ nia kolego kaj plumfrato.*

### KOREKTO

En la artikolo de s-ano N. F. Danovskij „La Ĵurnalismo kaj Esperanto“, aperinta en n-ro 3 de „Internacia Ĵurnalisto“, estas preterlasita presereraro. La soveta verkisto kaj ĵurnalisto N. Gribaĉov estas ĉefredaktoro de la elstara ilustrita ĵurnalo „Sovet-Unio“, kaj ne de la ĵurnalo „Soveta Kino“, kiel erare estas presite.

## Ricevitaj esperantaĵoj

II-ième Rancontre Mondiale des Jurnalistes. Libro 126-paĝa en franca lingvo. Enhavas eldirojn, rezoluciojn k. a. materialojn, rilatantajn al la Dua Tutmonda Renkontiĝo de ĵurnalistoj en Baden, Austrio—dum oktobro 1960. Eldonita en Pollando.

Laidolo plej longe vivanta—de Martinus. Bindita 100-paĝa libro, eldonita en Kopenhago 1961.

Unua oficiala Bulteno—pri la 47-a Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago 1962, ilustrita.

„Naroden Drugar“ (Popola Kamarado“, n-roj 79 kaj 81, gaseto eldonata en urbo Jambol, Bulgario, kun priesperantaj materialoj. En tiu gazeto laboras nia Tejano Dimo Trudoljubov.

Aufbau und Frieden, n-ro 94, gazeto en germana lingvo, eldonata en Prago, Ĉeĥoslovakio, La n-ro entenas artikolon pri Esperanto de nia Teĵano B. Guttmann.

Rakontoj pri fanton-ŝpitantoj — 98-paĝa libro, konsistania el 35 rakontoj, elektitaj el la ĉinaj antikvaj libroj de rakontoj kaj anekdotoj. Kompilis La Literatura Intituto de la Ĉina Akademio de Sciencoj. Tre interesa legaĵo pri la batalo de la ĉina popolo kontraŭ la superstiĉoj kaj la dioj. Eldonis: Ĉina Esperanto Ligo, P. O. Kesto 313, Pekin, Ĉinio.

La Okcidenta ĉambro — 88-paĝa libreto bone ilustrita, adaptita laŭ la dramo de la elstara dramverkisto Vang Ŝi—fu de Juan—dinastio (1279—1368 p. K.), verkita laŭ La Biografio de Jingjng, novelo de la fama poeto Juan Ĝen de Tang-dinastio (518—907 p. K.) Eldono de Ĉina Esperanto Ligo, P. O. Kesto 313, Pekin, Ĉinio.

Londono—la monda metropolo—grandformata ilustrita kvarpaĝa prospekto pri la ĉefurbo de Anglio. Tiu ĉi gvidfolio estas havebla ĉe Edward Ockey, 15 Upper Pines, Banstead, Surrey, Anglio kontraŭ unu stelo, unu internacia respondkupono aŭ ses pencoj.

### Estas serĉataj repezentantoj de TEĴA por ĉiuj landoj

Agemaj membroj, dezirantaj esti reprezentantoj de TEĴA por sia lando, estas petataj tuj anonci siajn adresojn al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto“. En landoj, kie estas ĝis 4 membroj de TEĴA, ili povas interkonsiliĝi kaj anonci sian reprezentanton al la redakcio.

1. Babiński Mieczyslaw, el redakcio de „Echo Krakowa", ul Wieślna 2, hejma adreso — Kraków, Krzemionki 12 m. 4, tel. r. 206-03 (red. n-ro).

2. Beranda Czeslaw, Polskie Radio, Kraków, ul. Szlak 71, hejma adreso: Kraków, ul. Nowogrzegórzecka, 2 m. 11, tel. red. n-ro 317-63, hejma n-ro 543-72.

3. Bocheńska Zofia, eldonejo Wydawnictwo „Ossolineum", Kraków, Rynek Kleparski 4, hejma adreso: Kraków, Ujejskiego 7 m. 3, tel. red. 509-49, hejma — 540-15.

4. Domański Jerzy, Wydawnictwo Artystycno-Graficzne (Artgrafika eldonejo), dakcia n-ro 540-15.

5. Idec Wada, Urzad Kontroli Prasy, Kraków, Rynek Kleparski 4, hejma adreso: Nowa Huta, Osiedle 31, blok 26 m. 8, tel. red. 211-10.

6. Jakubiec Danuta, red. „Zycie Warszawy" — konst. korespondanto en Kraków, gazetara referento de Prezydium W. R. N., Kraków, Basztowa 22, (distrikta Konsil ntaro), hejma adreso: Kraków, Osiedle Rydla, blok 16 c. m. 17, tel. red. — 588-60, hejma 374-92.

7. Kruszelnicki Czeslaw, Polskie Radio, Kraków, Zlak 71, Kraków, red. tel. n-ro 317-63.

8. Kudłon Kazimierz, Urzad Kontroli Prasy, Kraków, Rynek Kleparski 4, hejma adreso: Kraków, Rynek Kleparski 4, red. tel. 211-10.

9. Nowakowski Zygmunt, gazetara referento de Dyrekcija Okregowa Kolei Panstwowych (DOKP), Kraków, pl. Matejki 12, Distrikta Fervoja Direkcio, (hejma dreso: Kraków, Zaleskiego 43) 16, tel. red. 589-90, hejma n-ro 584-01.

10. Sadukski Stanilaw, Polskie Radio, Kraków, Szlak 71, hejma adreso: Krakow, 1 Maja 2/5, red. tel. n-ro 252-00.

11. Sitek Gertruda, Polskie Radio Kraków, Szlak 71, hejma adr. Krakow, Lobzowska, tel red. 317-63.

12. Siwek Anna, Urzad Kontroli Ptasy Rynek Kleparski 4, Kraków, tel. red. n-ro 211-10.

13. Staniek Adam, konstanta korespondanto en Dresden, hejma adreso: Nowa Huta, Osiedle C-33, blok 18, hejma tel. n-ro 431-13.

14. Szczepanska-Walles Irena, Polskie Radio, Kraków, Szlak 71, hejma adreso: Kraków, Al. Slowackiego, tel. red. 252-00, hejma n-ro 322-44.

15. Wanatowicz Halina, Urzad Kontroli Prasy, Kraków, Rynek Kloparski 4, hejma adreso — la sama, tel. red. 211-10, hejma n-ro 230-70.

16. Wójcikiewicz Zdzislaw, „Echo Krakowa", Kraków, Wisłna 2, hejma adreso: Kraków, Al. Krasinskiego 4. m. 20, tel. red. 219-48, hejma n-ro 583-71.

17. Zbijewska Krystyna, Dziennik Polski, Kraków, Wielopole 1, hejma adreso: Kraków, Urzednicza 10, tel. red. 235-60, hejma n-ro 324-57.

---

*La membroj de TEĴA, kiuj ankoraŭ ne ricevis la senditajn enketfoliojn pri ilia membreco, bonvolu tuj peti perletere la enketilon de la sekretario-kasisto de nia Asocio — D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Cittadella (Padova), Italio.*

## ESTRARO DE T. E. J. A.

*Prezidanto — Olav Thormodsen, Box 132, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidanto — Niilo Kavenius, Niklaksenkatu 10/14, Turku 9, Finnlando.*

*Sekretario-kasisto — Prof. D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Cittadella (Padova), Italio.*

*Redaktoro — Ivan Keremidčiev — Esperov, bulv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario.*

*Membroj: Takač Zeljko, Boškovičeva 24, Zagreb, Jugoslavio, kaj Jerzy Grum, Matejki 16/8, Wroclaw, Pollando.*

## KOMITATANOJ DE T. E. J. A.

*Ĉinio — Shi Si-wei, ĵurnalista fako, Pekina Universitato, Peking.*

*Danlando — G. N. Jepsen, Skovvangen 17, Silkeborg.*

*Rumanio — Stefan Freamat, strato Gabriel Peri 4, Bucureşti.*

*Sovet-Unio — N. F. Danovskij, Pasečnaja 4 a, kv. 11, Moskva A-8 (nova adreso).*

*Vjetnamio — Dào-anh kha, Nô Quôctê-nou Bv Viet-nam, Hanoj (via USSR).*

*Izraelo — Oskar Berman, 6, Kikor Malchaj Israel, Tel Aviv (nova adreso).*

*Svedio — Karen Salmose, Stallgatan 1. Ystad.*

*Hindio — Suderio Butteno, Alaski Plots, Avola (Vidarbha).*

*Indonezio — Ch. Sj. Datoe Toemnggoeng, Pintu Besi 39, Djakarta*

*Pollando — Emil Maver, Krakow, Florianska 4*

## LANDAJ REPREZENTANTOJ DE TEĴA

*Ĉehoslovakio — A. V. Zednik, Modrany 1482, Praha.*

*Hungario — Arpad G. Pölöskey, Budapest 119, Poštkesto 6 (Nova membro de TEĴA)*